# INTERNACIA FERVOJISTO





ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

34a jaro    Majo-Junio 1982    N-ro 3




La nova estraro de IFEF

de maldekstre videblas kasisto Henning Hauge, prezidanto Joachim Giessner, sekretario Otto Rösemann, vicprezidanto Per Engen kaj redaktoro E Henning Olsen

## REDAKTORA BABILO

Vi havas novan redaktoron.

Guy Delaquaize sentis emon retiriĝi kaj disponigi sian laborforton al la enlandaj rondoj.
Ni tre dankas pro lia zorga kaj serioza laboro dum la multaj jaroj de redaktado. Li transliveris periodaĵon kun prestiĝo, sobro kaj faka nivelo, kaj mia espero estas: povi teni la nivelon kaj kun helpo de multaj kunlaborantoj kaj ekstraj monrimedoj (kie ili troviĝas?) se eble ankoraŭ evoluigi al nepretervidebla faka organo de la fervojoj.

Pro misfaroj kaj eraroj jam anticipe pardonpetas kaj pro afabla indulgo dankas

la red.

## RIMARKO PRI IF N-RO 1

Kun granda plezuro mi legis en tiu n-ro de IF la artikolon, paĝo 16 "Novaĵoj pri la radioamatoroj", kaj mi konstatis, ke iom post iom kontentige kreskas la "Esperanto-FIRAC labor-grupo".

Sed tiu artikolo - laŭ mi - prezentas gravan preterlason: oni parolas pri la diversaj landoj, kie nun troviĝas FIRAC-anoj, amikoj de Esperanto, t.e. Aŭstrio, FR Germanio, Luksemburgo, Svedio kaj Svisio. La aŭtoro tute ne aludas pri Francio. Tamen ĉiuj ja scias, ke en Francio antaŭ kelkaj jaroj oni starigis la bazojn de tiu grupo, kaj nuntempe en Francio pli ol dek radioamatoroj uzas la Esperanto-lingvon.

Cele, ke oni ne forgesu la laboron de la francaj radioamatoroj, kiuj estis la pioniroj de tiu Esperanto-FIRAC-grupo, bv aperigi ĉi-supran suplementon en IF.

DANKON!

Pierre Robiolle.

Kompreneble ni tuj aperigas tian gravan kompletigon, ni bedaŭras la mankon en IF 1/1982, kaj ni kore dankas pro la atento.

red

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14, D-3067 Lindhorst
Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring
Poŝtcekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK-9891 Tolne

# REZOLUCIO

La 34a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) okazinte en Balatonfüred (Hungario) kun 605 partoprenantoj el 22 landoj

konstatas, ke grave akriĝas la lingvaj komplikaĵoj en ĉiaspecaj internaciaj institucioj, kunvenoj kai konferencoj, ĉefe pro daŭra aldono de novaj konferenclingvoj,

substrekas, ke bedaŭrinde ankaŭ la fervojaj entreprenoj, fervojistaj sindikatoj kaj aliaj fervojistaj organizoj same agas, aplikante privilegitajn lingvojn de potencaj ŝtatoj, tiel subpremante ĉiujn aliajn lingvojn kaj neglektante evidentajn malavantaĝojn, kiel ekzemple superfluajn kostojn, tempoperdojn, tradukerarojn, miskomprenojn,

emfazas, ke tiuj kutimoj endanĝerigas la pacan kunvivadon de la popoloj, malhelpas ties komprenon unuj por la aliaj kaj kontraŭas la Finakton de Helsinki,

atentigas, ke la Ĝenerala asembleo de Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 1983 "Internacia Jaro de Komunikado" kaj sekve

invitos la fervojojn kaj fervojistajn sindikatojn, sed precipe la Internacian Federacion de kulturflegantaj Fervojistoj (FISAIC), utiligi al si la eminentajn ekonomiajn kaj sociajn avantaĝojn de la neŭtrala kaj bone funkcianta internacia lingvo Esperanto ĉiel aplikebla,

deklaras, ke la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio pretas ĉiurilate helpi, por ke la proponitaj celoj kiel eble plej rapide kaj komplete estu atingataj.

Balatonfüred, la 7an de majo 1982

por la Federacio

Giessner
prezidanto

*Landaj asocioj, bonvole atentu:*

*La landaj asocioj de IFEF estas petataj transdoni la rezolucion (en la koncerna lingvo) al la ĉefadministrejoj de la fervojoj.*

# KONGRESO DE BONKORECO

Finiĝis nia 34a.

Antaŭ ĝia komenciĝo ni havis certajn dubojn pri la disvolviĝo, ĉar jen kaj jen mankis precizaj informoj.

Sed akurate kaj efike la kongresaj aranĝoj marŝis. Malfacilaĵoj kompreneble ne mankis, sed ili estis neniel kaŭzitaj de LKK kaj la multaj helpantoj, kiuj tute kontraŭe strebegadis por glatigi, ordigi, helpi - ĉiam kun afablo kaj rideto. Ni ŝuldas al ili neimageblajn dankojn pro tio.

Ĉu ili entute dormis dum la kongresa semajno? Ĉiam ili ĉeestis: LKK-prezidanto István Gulyás kaj LKK-sekretario János Patay, kun ĉionvidanta superrigardo kvazaŭ virina (kaj tio estas la plej alta komplimento, kiun mi konas). LKK-kasisto kaj la helpantoj diskrete malantaŭe, sed ĉiam pretaj kaj je nia dispono.

La kongreso de bonkoreco.

Ke la vetero favoris nin, estas jam ia rutino, sed tamen ni ĉiam ĝojas, ĝuas, dankas pro tio. Spite al la bela vetero la kunvenoj estis kontentige vizitataj. Pro tiu senduba intereso far la membroj la gvidantaro ĝojas, kaj tio nepre estas grava instigo.

Cetere tio estas tre necesa, ĉar IFEF staras antaŭ generaciŝanĝo. Junaj kolegoj transprenos en nia ĉiutaga deĵoro pli kaj pli de niaj taskoj, kaj la samon devos okazi en IFEF. Se ĉiuj daŭre aktive kunagas, tio okazos glate, senprobleme.

Feliĉe junuloj relative abundis en nia 34a, kaj kvankam venontaj LKKoj eble ne povos doni same favorajn kondiĉojn al junuloj, kiel povis doni la 34a, ili atentu pri tio kaj strebu.

Pri la multaj kunvenoj kaj kunsidoj vi legu aliloke en ĉi tiu kaj la venonta numero de Internacia Fervojisto. Pri la turisma flanko vi aŭskultu en la klubkunvenoj aŭ legu en la landaj periodaĵoj, ĉar ni ne disponas pri sufiĉe da loko por ankaŭ tio.

Ĝis en Oostende junie 1983 - aŭ eble en la fervojista kontaktkunveno en Antverpeno la 29an de julio ĉijare.

E Henning Olsen
nova

# MEMORINDAJ EVENTOJ

okazis en la kadro de 34a kongreso de IFEF.

El la abunda faka kaj distra programo - laŭ arta vidpunkto - elstaris du prezentaĵoj. Unue: la deklamado de s-ano Zoltán Sellei, deklamartisto, kiu - la 3an - dum la solena inaŭguro prezentis la poemon "BONVENON" unuafoje en publika medio. Tiun poemon originale verkis s-ano Gyula Varga speciale por la 34a. Ĉi-poemo estis la unua programero de la inaŭguro, krom tio s-ano Sellei deklamis "LA VOJO"-n, poemon de Zamenhof. Ambaŭ prezentaĵoj vekis entuziasman rekonon kaj grandan aplaŭdon flanke de la ĉeestanta kongresanaro.

La 4an posttagmeze en la 260-jara abateja preĝejo en Tihany okazis belega orgenkoncerto far d-ro László Baksai, orgenartisto. Li prezentis verkojn de Bach, Franck, Daquin kaj Schubert. La majestaj muzikaĵoj kreis unikan atmosferon en la preĝejo kaj tio kulminis dum la kantado de fraŭlino Gabrielle Tóth, gimnazia lernanto 16jara. Ŝi prezentis latinlingve la eklezian kanton "PANIS ANGELICUS" kaj fine la preĝkanton "AVE MARIA", komponaĵon de Franz Schubert. F-ino G. Tóth ravis la aŭskultantaron per ŝia arĝentsona sopran-voĉo.

Ofte okazis similaj orgenkoncertoj en Tihany dum la pasintaj jaroj, tamen tiu la 4an de majo superis ĉiun ĝisnunan, nome ĉi-okaze - unuafoje en la mondo - eksonis la menciita "Ave Maria" en Esperanto. La originalan tekston de tiu kanto verkita far W. Scott esperantigis Gyula Varga.

La konsultadojn kun s-ano Sellei kaj f-ino G Toth - koncerne la ĝustan, seneraran Esperanto-elparolon - faris s-ano Lajos Kapitány.

Sendube la ĉeestintoj - sekve de la koncerto - pliriĉiĝis kun neforgesebla travivaĵo.

L.K.



D-ro E. Semmelrath transdonas la oran medalon de FISAIC al d-ro István Báczkai

# PROTOKOLO

## PRI LA PLENKUNSIDO ESTRARO/KOMITATO EN LA 34a IFEF-KONGRESO BALATONFÜRED (H)

Mallongigoj:

k-o = komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto, por landaj nomoj estas uzitaj la aútomobilkodoj.

Protokolis punktojn 1-6 kaj 8 Olsen, 7 kaj 9-fino Rösemann.

UNUA PARTO, 5.5.1982

1. Malfermo, konstato mandatoj

Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas la grandan nombron de ĉeestantoj.

Laú mandatkonstato ĉeestas jenaj 24 voĉdonrajtaj k-anoj:

| Lando | Komitatano |
|---|---|
| Aústrio (A) | Greta Gössl |
| | Leopold Patek |
| Belgio (B) | Lucien de Sutter |
| Britio (GB) | Frank Curtis |
| Bulgario (BG) | Marin Marinov |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | - |
| Danio (DK) | Gunnar Thuesen |
| Finnlando (SF) | Nils G; Narvala |
| Francio (F) | Pierre Robiolle |
| | Joseph Dugue |
| Fr Germanio (D) | Willi Grass |
| | Joachim Schrapp |
| | Gernot Ritterspach |
| | Otto Rôsemann (de post la estrarelekto Schindler) |
| | Erhard Herlitze |
| Hispanio (E) | A. Gonzales |
| Hungario (H) | István Gulyás |
| | János Patay |
| Italio (I) | Germano Gimelli |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | M Mareśević |
| Nederlando (NL) | J J Labordus |
| Norvegio (N) | Per Johan Krogstie |
| Pollando (PL) | Czeslaw Holz |
| Svedio (S) | Evert Rausek |
| Svislando (CH) | Otto Walder |

La ĉeestantoj starante honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn Pr laútlegas.

IFEF starigis rezolucion, unuanime akceptitan de la k-o.

2. Ricevitaj telegramoj kaj leteroj

Sk laútlegas la multnombrajn leterojn kaj telegramojn. Estu jen menciataj: Barks kaj Boulton (Britio), krome salutojn el Japanio, Ĉeĥoslovakio, Francio, Aústrio, Germanio, Ĉinio, Hungario kaj Leningrad.

La japana asocio kun bedaúro konstatas, ke ĝia reprezentanto ne povis veni pro malsano.

3. Raportoj estraraj

3.1. sekretario
akceptita (24 voĉoj, raporton vidu IF 2/1982)

3.2 redaktoro
akceptita (24 voĉoj, raporton vidu IF 3/1982)
Ks aldonas, ke li ofte devis aldoni aŭ forpreni ion lastmomente tiel, ke la Rd ne ĉiam konas la aspekton.

3.3. kasisto
akceptita (24 voĉoj, raporton vidu IF 1/1982)
Ks klarigas pri rentumoj, kiuj estas malaltaj. Aldono al membronombro: GB 29, ḂG 45 (IF 1/1982, p 6).
E Kruse demandas pri la junlara fonduso.
Ks: teknika afero, ke en- kaj elspezoj estas egalaj. Kelkfoje en IF petis pri proponoj. Pli ol 10 junuloj partoprenas ĉi tiun kongreson je favoraj kondiĉoj.
Devis: En diversaj kongresoj estis plusoj, pri ili ni nenion vidas en la kalkulaĵo.
Ks: La profitoj iras momente al fonduso por la Historiobroŝuro.

4. Protokolo Regensburg

akceptita (24 voĉoj, raporton vidu IF 3/1981)

5. Konfirmo de la invito por la 35a kongreso

De Sutter invitas al Oostende (B) 4.-10. junio 1983.
Kongresejo: Fest- kaj kulturpalaco.
La kongresejo estas en la mezo de la urbo, hoteloj 5-10 min. La stacidomo estas en la proksimeco.
Kongreskotizoj kiel ĉi-jare. 4 kategorioj de hoteloj.
Unuanime akceptita (24).

6. Raporto de la ĉefkomitatano

Ĉk partoprenis en du estrarkunvenoj. Li eldonis unu cirkuleron kun demandilo. 18 landoj respondis. Ĉk korespondis krome kun estraranoj.
La raporto estas akceptita (24).

Pr: Ni ŝovu punkton 8 antaŭ punkton 7, por ne havi la estrarelekton la lastan tagon de la kongreso.

8. Estrarelekto

Elektokomisiono: de Sutter (B), Gulyás (H), Walder (CH), Gössl (A)

La rezulto de la estrarelekto:
Prezidanto: Joachim Giessner (D)
Vicprezidanto: Per Engen (N)
Sekretario: Otto Rösemann (D)
Kasisto: Henning Hauge (DK)
Redaktoro: E Henning Olsen (DK)

Pr dankas nome de la estraro pro la fido kaj promesas, ke ankaŭ estonte la estraro ĉiam klopodos agi por la bonfarto de IFEF. Li dankas al la nova Sk, ke li pretas kunlabori en la estraro.
Pr adiaŭas Rd Guy Delaquaize (F), Li diras, ke antaŭ 8 jaroj Guy Delaquaize prenis ŝtonon de la koroj de la tiamaj estraranoj, ĉar estas malfacile trovi estraranojn,

precipe por internaciaj instancoj. Pr priskribas la laboron de Rd. Kvarfoje ŝanĝiĝis la presejo dum lia epoko.
Kiel dankon pro la okjara kunlaboro Delaquaize ricevas la novan duvoluman verkon "Tutmonda Sonoro" de Kalocsay.
Delaquaize diras, ke li iras kun malĝojo el la amika komuna laboro.
La nova Rd (ĝis nun Sk) promesas, ke li daŭrigos la ĝisnunan laboron. Li petas, ke la membroj sendos abunde mallongajn informojn, por ke IF estu informriĉa.

7. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj

(la raportojn sub 7.1, 7.2 kaj 7.3 legu IF 3/1982)

7.1. Terminara Komisiono

Sekereŝ (YU) raportas.
TeKu aperis 6-foje. La terminaraj kunlaborantoj diligente kaj fruktedone laboris. Ĉiuj bazfolioj estas recenzitaj.

Pr laŭdas la valoran laboron. Dankon meritas k-go Hartig pro la ampleksa laboro. La faka laboro donas al IFEF la rajton organizi proprajn kongresojn. Ne bone aspektas, se la membroj nur ĝuas turismajn programerojn. La faka klerigado estas gravega.

7.2. Fakprelega Komisiono

Thuesen (DK) raportas.
En la programero "Aktualaĵoj el via lando" kontribuis kvar personoj. J Károlyi (H) raportis pri diversaj temoj.
Thuesen prezentis informojn pri kvinjara plano, laŭ kiu la Dana Ŝtatfervojo intencas enkonduki elektran trafikon.
G Ritterspach (D) parolis pri magnetglita fervojo kaj pri la transportoj por la flugkompanio "Lufthansa" inter Düsseldorf kaj Frankfurt.
Krome li raportis pri klopodoj forigi la kolombojn el stacidomoj per ultrasonaj instalaĵoj.
Otto Walder (CH) parolis pri planoj de la fervojo Bern-Lötschberg-Simplon (dutrakigi siajn unutrakajn liniopartojn).

Bedaŭrinde la fakprelego ne estas anoncita en la kongreslibro. La temo 1983: "Zeebrugge - nova stacio por kontenera kaj pramŝipa trafikoj".
La programero "Aktualaĵoj el via lando" meritas estonte apartan programeron por la tuta kongresanaro.

Pr same rekomendas, ke oni cerbumi, kiamaniere la du temojn "Fakprelego" kaj "Aktualaĵoj el via lando" envicigi en la programon.

7.3. Historio-Komisiono

Giessner (D) raportas.
La komisiona laboro bone progresis. La duono de la planita broŝuro estas verkita kaj korektita. La celoj fiksitaj en la komisiona laborplano preskaŭ komplete estas atingitaj. Nia historia superrigardo pri la evoluo de la plej grava faka asocio de UEA povos fariĝi bonvena al la Jubilea Jaro 1987.

Ĉiuj tri raportoj akceptitaj (24 voĉoj).

7.4. Koresponda Servo

K-go Demissy ne partoprenas en Balatonfüred.
Pr substrekas, ke Demissy ĝis nun bone laboris. Li sendu raporton al Sk.

7.5. Informa Fako

Raportas de Sutter (por W L van Leeuwen).

La komisiito forsendis en septembro 1981 cirkuleron al ĉiuj landaj asocioj kaj komitatanoj. Respondis nur 5 landoj. La rezulto ne sufiĉas por vivigi la informfakon. Estus pli bone, se iu k-go aktive deĵoranta transprenus la taskojn de la Informa Fako.

Pr: Estus bone, se iu kolego estus preta transpreni la gravan taskon. La estraro pritraktos la problemon en la venonta estrarkunveno.

Akceptita (24).

7.6. Komitatano A de UEA

D-ro Imre Ferenczy (H) raportas.

D-ro Ferenczy partoprenis lastjare en la UK en Brazilio. En la fervojista kontaktkunveno partoprenis 14 personoj el ok landoj.
La raportanto disdonis tie diversajn prospektojn kaj varbis por la IFEF-kongreso Balatonfüred.

Akceptita (24).

9. Resumo pri raportoj landaj asocioj

Raportas Vp Engen (N).

Raportis 17 l.a. el 19. Mankis nur Ĉeĥoslovakio kaj Pollando;

La resumo aperas en IF.

Unuanime akceptita.

DUA PARTO (7.5.1982).

Ĉeestas 23 k-anoj. Por Germanio anstataŭas: Barnickel (por Ritterspach), Müller (por Herlitze), Schindler (por Rösemann).

10. Laborplano

10.1. Regularo por Internaciaj skisemajnoj

La nova regularo troviĝas en IF 2/1982.

Pr klarigas, ke nova regularo estas necesa por nuligi plendojn. La ĝeneralan preparadon de la skisemajnoj transprenis E Kruse, la organizado estas afero de la l.a.

Kruse diras, ke ofte ne estas facile trovi taŭgan lokon. Maksimume 80 partoprenantoj estas bona nombro. Kruse invitas al Bayrisch Eisenstein (D) (22.-29.1.1983).

Pr dankas al Kruse pro valoraj preparlaboroj jam ofte faritaj.

10.2. Diskuto pri estonta literatura konkurso.

Pr: La literatura konkurso en Regensburg havis bonan rezulton. 60 kontribuaĵoj venis. La plej bonaj estas presitaj en la beletra antologio "La verda relo".

E Kruse estas preta transpreni la taskon kiel konstantan sekretariinon por tiaj konkursoj. Ŝi zorgu pri internacia juĝantaro.

En Belgio (Oostende) ĝis nun ne ekzistas plano pri konkurso, en Bulgario (1984) oni diskutos la problemon.

Schrapp (D) rekomendas fari la konkurson ne tro ofte. Ni havas malfacilaĵojn vendi la librojn.

10.3. Centjara jubileo de la Internacia Lingvo

Pr: En la kadro de la Germana Esperanto-Asocio (GEA) en Münster okazos konferenco (30.5.82. 14 h). Prezidos UEA-prezidanto Maertens. En la konferenco partoprenos flanke de IFEF Pr kaj Sk. Post la UEA-konferenco en Münster la IFEF-estraro decidos pri la propra kunlaborado.

10.4. Enketo pri laborkondiĉoj de fervojistoj

(Vidu IF 1/74 kaj 1/82)

Pr: La japanaj kolegoj enketis pri kvin demandoj. Ni proponas fari novan enketon. La l.a. estas petataj kunlabori kaj proponi aliajn demandojn. La temo "senpagaj biletoj" ne taŭgas por publikigi.

Walder (CH): La vivkostoj altiĝis. Ĉu la salajro same altiĝis?

Gimelli (I): Alia demando

estus kondiĉoj de la libertempo kaj laborkondiĉoj de la fervojistoj.

Steenhout (B): interesa estus la temo: "virinoj ĉe la fervojo" (salajro, laborkondiĉoj).
Sama laboro = sama salajro
sama salajro = sama laboro

Decido: La landaj asocioj bv sendi proporojn por tia enketo al Sk ĝis 5.8.1982. Laŭ ili la estraro starigos demandilon.

11. Kongresproponoj

Ne ekzistas kongresproponoj (escepte estrarelekto).

12. Rilatoj al aliaj organizoj

12.1. UEA (Universala Esperanto-Asocio)

Pr: IFEF estas grava fakorganizo de UEA. IFEF disponigas komitatanon A (k-gon Gulyas).

Dum la UK Antwerpen okazos fervojista kunveno (29.7.82 14-16 h). BEFA intencas okazigi "Fervojista Tago". Matene estos planita vizito ĉe fervojaj instalaĵoj. Ankaŭ okazos komuna tagmanĝo.

De Sutter: Dum la UK deĵoras 3 fervojistoj oficiale.

12.2. FISAIC (Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj)

Pr: La hungara asocio fariĝis membro de FISAIC. Estis ne simple atingi tion. D-ro Báckai ricevis FISAIC-medalon. Entute granda sukceso.

De Sutter: En la lastaj tri jaroj dank'al Hauge (kiu partoprenas por Danio) oni parolis en FISAIC-kunsidoj ofte pri Esperanto.

Pr rekomendas, ke la l.a. donu al FISAIC bonajn koncizajn raportojn.

12.3. FIRAC (Radio-amatoroj fervojistaj)

Pr: En Regensburg ni havis bonan rezulton. La IF-raporto enhavas eraron (mankas F). Korekto en venonta numero.

D-ro Ferenczy: En Balatonfüred la radio-amatoroj havis kontaktojn kun 12 landoj.

12.4. AEC (Eŭropa Fervojista Asocio)

Pr: Ni faros ĉion necesan por flegi bonajn kontaktojn.

13. Resumo pri la situacio en diversaj landoj

Pr: En la 34a IFEF-kongreso estas sufiĉe granda pola grupo (ĉ 40). Pollando kotizis por 30 membroj.

Entute kontentiga afero.

Tre komplika estas la situacio en Ĉeĥoslovakio. Estas ŝtato kun du partoj, do ankaŭ du Esperanto-organizoj. Laŭ nia statuto ĉiu lando rajtas aliĝigi nur unu asocion. Pr estis en Ĉeĥoslovakio por surloke informiĝi pri la situacio. Raporto pri tiu vizito aperas en IF 3/1982.

14. Budĝeto 1983 kaj kotizkonfirmo

La budĝeto 1983 estas unuanime akceptita.
Ks rekomendas pri altigo de kotizoj atendi ĝis venonta jaro.

15. Elekto de revizoroj

Laŭ propono de DEFA jenaj elektiĝis:
F.R. Jensen, A. Klausen, R. Mikkelsen, C.V. Jensen.

16. Venontaj kongresoj

16.1. Elekto de lando por 1984

Marinov invitas al Brjag apud Burgas (BG): Estas tre taŭga loko. Antaŭ la sezono favoraj prezoj. Oni veturas fervoje al Burgas, de tie 20 km per buso.

16.2. Diskuto pri postaj ebloj

La kongreso 1985 laŭeble okazos ie en Skandinavio.

Pluaj proponoj:

1986: Jugoslavio
1987: Francio
1988: Hispanio

17. Internacia Skisemajno 1983

La skisemajno okazos en Bayrisch Eisenstein (D), hotelo Waldspitz (22.-29.1.83).

18. Libera diskutado

Kiefer (D) atentigas al GEFA-jarkunveno en Friedberg (15.-17.10. 82).

Kiefer (D): Membroj, kiuj apartenas samtempe al IFEF kaj AEC agu pli favore al Esperanto.

Gimelli (I): La eŭropa ideo regas en AEC, sed estas ankoraŭ malfacilaĵoj. La itala sekcio rekomendas Esperanton. Oni deziras la enkondukon de Esperanto per rezolucio. La aliaj landoj apogu tiun rezolucion.

Gimelli (I): La itala kongreso okazos en Forte dei Marmi (18.-26. 9.82).

Walder (CH) proponas personan interŝanĝon de gazetoj.
Pr respondas, ke la sendado de gazetoj kaŭzas tro altajn kostojn.

Lindhorst, 28.5.1982 Rösemann
sekretario

# RAPORTO DE TERMINARA KOMISIONO AL PLENKUNSIDO DE IFEF

(kompletigita je kongresfino)

La Terminara Komisiono kunsidis 3 foje dum la 34a kongreso.

La kunsidojn de TK partoprenis 21 personoj el 12 landoj, inter ili 8 komisionanoj (tk-j), Ĉi tiujn kunsidojn partoprenis la unuan fojon 3 interesuloj el DDR kaj 2 el Bulgario.

Por la raporta periodo ekde la pasintjara kongreso ĝis la nuna ni kunĝojo povas konstati, ke la tk-j diligente laboris super la tradukado de LG III. La rezulto de komuna laboro estas, ke nun jam ne nur ĉiuj bazaj folioj estas recenzitaj, sed ankaŭ resumitaj. Nur la resumado de la plej ampleksa litero C, kiun traktas la hungaraj tk-j, atendas, ke finiĝu ĉi tiu kongreso, ke ankaŭ ili povu fini sian laboron. La elektado de la plej taŭgaj tradukproponoj restas farenda ankoraŭ nur por 6 literoj (A, B, C, M, R kaj S).

Diligente laboris nia redaktoro. Dum la raporta periodo la informilo TeKu aperis 7 foje (n-roj 29-35). Krom la komunikado pri aktualaj laborfolioj flanke de unuopaj tk-j ĝi kvar foje aperigis ekstrakton el LG III, kiu koncernis la fakvortkomplekson "komputorado". La traktado de tiu vortkomplekso okazis en skriba formo flanke de tk-j. Sed ni devas mencii, ke al ĉi tiu traktado ankaŭ deko da aliaj eminentaj fakuloj sendis siajn kontribuaĵojn. En la nomo de nia tuta TK mi kore dankas iliajn kontribuojn des pli, ĉar tio atestas, ke nun ankaŭ ili alte taksas nian komunan terminaran traduklaboron.

Koncerne la helpon al Fakprelega Komisiono, en la raporta periodo s-ro Ritterspach faris la recenzon de teksto por la ĉi jara faka prelego kaj - por helpi al LKK - verkis la resumon.

Fine de nia raporta periodo okazis interkongresa TK-kunveno en De Haan (Belgio) 17a-19a de aprilo 1982. Tie ok tk-j el 5 landoj traktis 47 terminojn el fakvortkomplekso, restis ankoraŭ 84. Ilian traktadon ni daŭrigis dum la 3 kunsidoj de tiu ĉi kongreso, kaj ni eldiskutis la solvon por 26 ter-

minoj. Por akceli la progreson ni antaŭvidas du interkongresajn kunvenojn, unu ankoraŭ ĉi-jare (eble en Strasburgo) kaj unu en Novi Sad, Jugoslavio, dum printempo.

Inĝ. Ludoviko Sekereŝ

## KUNSIDO DE LA FAKPRELEGA KOMISIONO

## EN BALATONFÜRED, LA 3AN DE MAJO 1982

Partoprenis 15 personoj el 8 landoj (DK, N, H, BG, A, YU, D, CH). Al la ĉefa programero, "Aktualaĵoj el via lando", kontribuis 4 personoj.

Johan Károlyi (Hungario) informis pri modernigo de trako sur ĉefaj linioj, sur duarangaj linioj, en stacioj kaj sur pontoj; poste pri moderna direktado de manovraj stacioj per apliko de kibernetiko kaj procesgvida aŭ funkciadgvida komputeroj surbaze de vagonindika informbanko kaj ranĝindikoj. Fine ni aŭdis pri klopodoj plibonigi la laborkondiĉojn en modernaj lokomotivoj, ĉar se iam sur vaporlokomotivoj la korpoforto estis decidiga faktoro, nun sur elektraj lokomotivoj la sen-jona aero kaŭzas problemojn, kontraŭ kiuj oni instalis jonigilojn por certigi pli bonan sanstaton de la deĵorantoj.

El Danlando la komisiona prezidanto Gunnar Thuesen prezentis informojn pri kvinjara plano (1983-1987) laŭ kiu la Danaj Ŝtatfervojoj intencas enkonduki elektran trafikon. Koncernataj estas 1065 km da relvojoj plus 1000 km da enstaciaj trakoj. Apartajn malfacilaĵojn oni devos venki sur 225 pontoj, kie la profil-alteco ne permesas instali la katenarion 5,30 m super la relo. Krome necesos teren-akirado ne nur por starigi fostojn, sed ankaŭ por forhaki arbojn tro proksimajn al la trako. La unua elektrizota linio estos tiu inter København kaj Helsingør.

El Federacia Respubliko Germanio Gernot Ritterspach aŭdigis tri tute koncizajn kontribuojn. Unue la sciigo, ke la preparlaboroj por la magnetglita fervojo (prezentita dum la fakprelego pasintjara) daŭras, kaj ke la veturilo Transrapid 06 jam troviĝas sur la eksperimenta tereno.

Dua temo estis motortrajno ĉarter-prenita de la germana flugkompanio "Lufthansa" por transporti siajn flugpasaĝerojn de la flughavenoj Düsseldorf kaj Köln-Bonn surrele al la flughaveno de Frankfurto (kaj inverse). Kvarfoje ĉiutage ili do "flugas en alteco nulo", ĉar ili posedas flugbiletojn, ne fervojajn biletojn.

Tria ero el Germanio estis informo pri klopodoj forigi kolombojn el stacidomoj per ultrasonaj instalaĵoj. Estas tute nova metodo, tamen esperplena.

Fine el Svislando Otto Walder informis pri la planoj de la fervojo Bern-Lötschberg-Simplon (BLS) dutrakigi siajn unutrakajn liniopartojn. Viaduktoj kaj tuneloj prezentas apartajn problemojn, necesas novaj fundamentoj aŭ eĉ novkonstruado malgraŭ anticipa konsidero de tiu ebleco. Ankoraŭ BLS povas pagi dividendon al siaj akciuloj, ĉu restos tiel?

- - -

Koncerne la fakprelegon ĉi-jaran necesis venki diversajn malfacilaĵojn, tamen oni povas esperi, ke ĉio funkcios glate. Domaĝe estas, ke la temo "La Estonto de la Eŭropaj Fervojoj kaj la rolo de la Hungaraj Ŝtatfervojoj (MÁV)" tute ne estas menciita en la kongresaj dokumentoj. Tiu fakto des pli mirigas, ke la verkinto estas la LKK-prezidanto mem.

Por certigi venontjare pli efikan prezenton de nia faka laboro, jen la provizora temo de la fakprelego 1983: "Zeebrugge - nova stacio por kontenera kaj pramŝipa trafikoj". Ankaŭ la programero "Aktualaĵoj el via lando" meritas estonte esti aparta programero por la tuta kongresanaro. Tiam la kunveno de la Fakprelega Komisiono donos bonan okazon por pridiskuti la antaŭe aŭditan fakprelegon, la komisiono do devas kunsidi post la fakprelego mem, tamen antaŭ la plenkunsido, se tio eblas.



# RAPORTO

## DE LA HISTORIO-KOMISIONO

Komence ni povas konstati, ke la taskoj, kiujn la komisiono starigis por sia agado laŭ la pasintjara raporto (lasta alineo), estas plenumitaj. Tio signifas, ke la koncizaj raportoj pri la landaj asocioj estas verkitaj, same tiuj pri la Terminara kaj Fakprelega Komisionoj, pri skisemajnoj, kaj kelkaj listoj. Ĉio tio ankaŭ estas tajpita kaj korektita. Temas pri proksimume la duono de la manuskriptoj. Ankaŭ la fronta kovrilpaĝo estas preparita.

Tamen restos ankoraŭ multo por fari. Lastatempe montriĝis, ke estus rekomendinde eldoni la broŝuron kun nur 96 paĝoj, sed aldoni anekson 16paĝan kun diversaj listoj kaj fotomuntaĵoj. Sekve estis starigita nova (tamen ankoraŭ provizora) paĝoplano.

Granda parto de la bezonataj fotoj nun estas je dispono, la reston la komisiono devos havigi al si ĉi-jare. Por la fotomuntaĵoj intertempe troviĝis bonvolemulo, kiu intencas helpi al la komisiono.

Problemo ankoraŭ estas la financigo. La antaŭvidebla en 1984 disponebla sumo ne sufiĉos por kovri la elspezojn por la broŝuro. Ekzistas diversaj eblecoj de aldona financigo, kiujn la komisiono kun la estraro esploros. Momente la komisiono provas eltrovi la plej prezfavoran presejon.

Laŭ la komisiona laborplano la ĉefaj taskoj por la venonta jaro estas

- verki kaj finpretigi ĉiujn ankoraŭ mankantajn manuskriptojn,
- havigi al si la mankantajn fotojn,
- decidi pri la presejo,
- serĉi aldonajn eblecojn por financigo,
- krude komposti la broŝuron.

Fine ni menciu, ke en la laborplano de UEA por la jubilea jaro 1987 ankaŭ la historio de la Internacia Lingvo ludas rolon. Tiel nia historia superrigardo pri la evoluo de la plej grava faka asocio de UEA certe povos fariĝi bonvena kontribuaĵo al tiu punkto de la jubilea laborplano.

Giessner
(gvidanto)

# PRI LA SITUACIO EN ĈEĤOSLOVAKIO

Laŭ invito de Ĉeĥa Esperanto-Asocio (ĈEA) la prezidanto de IFEF ĉeestis ties 4an kongreson en Pardubice 19-20.3.1982. Estu jen esprimita sincera danko pro tiu invito, ĉar ja ĝi donis eblecon interrilati kun la kompetentaj personoj, priparoli kun ili la ĝisnunan situacion en Ĉeĥoslovakio kaj ordigi ĝin.

Dum la kongresaj salutoj la prezidanto akcentis la gravan rolon, kiun la ĉeĥoslovakaj fervojistoj ludis dum la tuta ekzistodaŭro de la fervojista faka movado. Li precipe menciis la nomojn Blažek (1921), Rebiĉek patro kaj filo, Kral kaj Seemann kaj la partoprenadon en la terminara laboro.

En la kadro de la kongreso okazis aparta kunveno de la fervojistoj en ĉeesto de la prezidanto de Ĉea, d-ro Jermaŕ, de la vicprezidanto de Asocio Esperantista de Slovaka Socialista Respubliko kaj kun gastoj el BG, DDR kaj H. La prezidanto de la Fervojista Sekcio de Ĉea, Jaroslav Kaŝparec, resumis la okazintaĵojn ekde kiam en 1965 Bohumil Kral fondis la FS, kiu apartenis tiam al la Sindikata Komitato de Ministerio por Trafiko, de post 1969 al la tiam fondita ĈEA. En 1980 oni fondis duan fervojistan organizon, nomis ĝin Ĉeĥoslovaka Fervojista Esperanto-Federacio kun la intenco fari ĝin tutŝtata. Tamen montriĝis, ke tio ne eblis pro leĝoj, kiuj ne permesas tutŝtatan kulturan organizon.

Ĉar tio ne estis konata al IFEF, ĝi dum certa tempo oficiale kontaktiĝis ankaŭ kun tiu nova organizo. Intertempe la ĉefaj gvidantoj de tiu neleĝa ĈSFEF, ekkoninte tiun situacion, likvidis ĝin la 23an de januaro 1982 en Brno. Samtempe ili rekomendis al sia ĝistiama membraro aliĝi al FSĈEA resp AE SSR.

La plej gravaj ĉi-memciitaj punktoj estas fiksitaj en rezolucio.

Kun granda bedaŭro ni devis konstati, ke spite al ĉies esperoj kaj spite al sinceraj klopodoj de LKK, FSĈEA ne estis reprezentita en la 34a IFEF-kongreso.

Giessner

# VENONTAJ ARANĜOJ

*Fervojista tago dum la 67a Universala Kongreso de Esperanto, Antverpeno 24a-31a de julio 1982*

BEFA okazigos Fervojistan Tagon ĵaŭde la 29an de julio.

Kontaktkunveno okazos je h 14.00 kun prelego pri la personara generaciŝanĝo ĉe la fervojoj - temo, kiu rilatas al la ĝenerala temo de la UK.

En kongresejo esperantistaj fervojistoj deĵoras dum la tuta kongresperiodo.

Pli da informoj surloke aŭ ĉe BEFA.

---

*Ĝenerala jarkunveno de FFEA*

*Chartres - 22a ĝis 26a de septembro 1982*

De la 22a ĝis la 26a de septembro 1982 okazos la FFEA-jarkunveno en Chartres, unu el la plej gravaj urboj pri artoj de Francio. Ĉefe estas menciinda la belega kaj fame konata katedralo, kiu allogas ĉiujare milojn da turistoj. Ekskursoj okazos en urboj Chateaudun, Dreux, Anet, Nogent-Le-Roi, Maintenon, kie estas vizitindaj interesaj kasteloj, preĝejoj, muzeoj ktp.

Por pliaj informoj bonvolu mendi la programon kaj la aliĝo-informilon ĉe:

s-ro Jean Mevel, 43, Rue Gambetta, F-28300 Mainvilliers.

---

*La 35a IFEF-KONGRESO*

okazos 4.-10. junio 1983 en la belga ĉemara urbo Oostende. Kongresejo estos la Fest- kaj Kulturpalaco, kiu situas en la mezo de la urbo, en la proksimeco de la stacidomo. Hoteloj situas ĉirkaŭe en kvar kategorioj. Kongreskotizoj estos en alteco kiel ĉijare.

Pli da kaj pli precizaj informoj en la venonta IF.

## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

*Hispanio*

Laŭ peto de Hispana Esperanto Fervojista Asocio la nacia fervojo de Hispanio decidis eldoni ankaŭ en Esperanto informan broŝureton pri la fervojaj servoj okaze de la Monda Ĉampionec-Konkurso en Futbalo (junio kaj julio en diversaj hispanaj urboj). Lige al la sama sporta evento en marto ĉi-jare komenciĝis intensa Esperanto-kurso por interpretistoj, kiuj dum la futbala grandspektaklo deĵoros en la centra stacidomo de la kataluna ĉefurbo Barcelono.

(El revuo "Esperanto", majo 1982)

## NEKROLOGOJ

Kiam ni revenis el Hungario, ni aŭdis pri la morto je la 8a de majo de

*PAUL KASSENAAR*

el Eindhoven en la aĝo de 62 jaroj.
Kvankam ni sciis, ke li estas egemalsana, lia morto tamen venis neatendite.
Li estis dum multaj jaroj fidela membro de FERN kaj IFEF.
Ni konis lin kiel bonegan amikon, kiu ĉiam faris sian eblon kaj multe pli por FERN.
Al la edzino kaj la familianoj ni esprimas nian sinceran kondolencon, kaj ni deziras al ili la forton porti la perdon de la edzo kaj de la patro.

Ni sentas lian foreston, sed ni ne forgesos lin.

---

Je la 19a de aprilo mortis en Neede nia membro

*H.A. BERENDS*

en la aĝo de preskaŭ 84 jaroj.
Jam ek de 1950 li estis membro ĉe ni, sed en nia movado li ne estis aktiva.

Al la familianoj ni sendis niajn kondolencajn kunsentojn.

IFEF

## 24a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO EN GERMANIO 22.-29.01.1983

GEFA organizos la 24an IFES 1983 sub gvidado de la distrikt-komisiito Vitus Röder en Bayrisch Eisenstein kaj invitas al partopreno.

*Bayrisch Eisenstein* estas konata vintro-sportloko en la Bavara Arbaro proksime de la landlimo inter FR Germanio kaj ĈSSR. Ĝi havas fervojan stacion. Trajnŝanĝo necesas en Plattling.

La hotelo estas atingebla piedé de la stacidomo en 10 minutoj. 80 litoj estas je nia dispono. La hotelo disponas pri propra varmbanejo. La uzado estas enkalkulita en la prezo.

La partoprenantojn atendas bela regiono kun taŭga skitereno por ĉiuj kategorioj. Ski- kaj Esperantokursoj estas planataj.

*Limdato:* por la aliĝo estas 31.12.1982.
Pro la limigita loko baldaŭa aliĝo estas rekomendinda.
Neesperantistojn ne eblas akcepti.

*Aliĝilo* havebla ĉe Elfriede Kruse, Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/Main 70.

ENHAVO



La redaktofino por la venonta IF estas 20.7.82.

Memoru la novan adreson de la redakcio, vidu paĝon 38

Preso: Esperanto-Press Augsburg, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg
Tel. 0821/41 92 13 + 48 81 49